# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

25/07/2012 Sesdektria Eldono 2012 25/07/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj




Ĉu vi skribis al viaj preferataj ĵurnaloj. **HAPPY 125 BIRTHDAY ESPERANTO** Estas **VIA** tasko informi pri la 125 jaroj de Esperanto je la 26a de julio 2012. Bonvolu **agi nun**!! Ankoraŭ restas iom da tempo. Informu nin pri la rezultoj.

Ĉu li legas vian leteron?

Esperanto is the language equivalent to the metric system

## GRAVAJ DATOJ

(se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)




La AEA-jarkongreso okazos en Brisbane 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

**Esperanto** havos 125 jarojn la 26an de Julio, 2012

E. DOMO en Sidnejo: Dimanĉon 29an Julio 2012 je 12a meztage



## MANLY ESPERANTO CLUB

Havis 7 ĉeestantojn sabaton la 21an de julio 2012



[Diferenco inter Kunqu-Opero kaj Pekina Opero - **ĈRI ...**]
1 min Ankaŭ elŝuteblas en la retpaĝaro de **ĈRI**:
http://src.cri.cn/esperanto/ pekino120718.wmv http **...**
youtube.com

**IRISHTIMES.com** Sunday, July 22, 2012

## Tongues are loosened at Esperanto conference in Galway




http://www.irishtimes.com/newspaper/ireland/2012/0717/1224320254254.html?fb_ref=.UAVmKrr3y0c.like&fb_source=timeline

## Letero de Vera Payne



Karaj geamikoj kiuj petis min esti via Facebook amikino, bonvolu pardoni miajn respondo-mankojn. Mi sincere dankas vin pro la afableco, sed mi estas superŝutita de e-korespondado kaj aliaj farendaĵoj, kaj trovas, ke la afero de Facebook kaj similaĵoj, kiu devus esti feliĉiga, fakte ĝenas min pro tempo-voro kaj komputilo/ero farĉo. Dankon pro via kompreno. Pli ol plej amike via, Vera Payne.

Mia opinio rilate al Facebook ktp., similas al tiu de Vera. Pardonpetas Roger Springer

## 3ZZZ ESPERANTO RADIO KAJ "FLUGI KUN KAKATUOJ"



En la 1980aj jaroj dank 'al la verko de Peter Read farigxis konata la problemo de la "Ŝtelita generacio" ( Stolen Generation). Nun ŝajnas ke la historio de Aŭstralio fariĝas pli bone konata dank'al la libro de Noel Beddoe "The Yalda crossing" kaj ankaŭ de Trevor Steele "Flugi kun kakatuoj". Ambaŭ montras ke la aborigenoj ne tiom facile lasis la britojn invadi sian landon.



Ni elektis disaŭdigi ĉapitron de la verko de Trevor Steele ĉiun lundon de la 30a de julio ĝis la 10a de septembro. La legado estis registrita en Adelajdo kun la voĉoj de Katja Steele, Trevor Steele, Sandor Horvath, Bob Felby kaj Franciska Toubale. La celo estas disvastigi esperantan literaturon en Aŭstralio kaj diskonigi la historion de tiu lando.
Se vi loĝas en Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM
De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je www.3ZZZ.com.au aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au.
Se la elsendoj plaĉis al vi kaj vi ŝatus aŭdi pli el tiaj elsendoj, subtenu la radion membriĝante al ĝi . Por tion fari iru al la retejo www.3ZZZ.com.au. elektu "Get involved" kaj "membership" por elŝuti la formularon .
La kosto estas $15 jare aŭ $10 se vi estas emerito.
Esperante ke vi aprezos la elsendojn, mi deziras al vi ĝojan aŭskultadon,
Franciska Toubale Bildojn enmetis Roger Springer

# Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

Karaj amikoj
Penny Vos estas ĵus elektita kiel nova estrarano en ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Vidu
http://www.ilei.info/novajxoj/Kunming2_novaestraro.php
informon sendis Nicole

Filmkonkurso de la Germana Esperanto-Asocio vidu post la AEA artikoloj sube

# LA VENONTA AEA BALOTADO

## AEA prizorgas la hereditan monon de mortintaj malavaraj Esperantistoj.



### Tathra voĉdonis por nova Estraro (januaro 2006)

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**
AEA total assets 30 Jun 12 $???,???.??c
Ĉu iu povas sendi informojn pri 2011 aŭ 2012 al ni?

Se AEA ne havas tiun monon, la balotado ne gravos!

# Ĉu AEA eksmembroj jam voĉdonadis per la piedoj?

La balotado tre gravas. Aliĝu/realiĝu al AEA.
**Legu pri la kandidatoj, pensu zorge.**



Kio estas la procedoj por la voĉdonado ??
<u>Kie kaj kiam ni scias la leĝajn limdatojn por voĉdonadi, ktp ??</u>
Ĉu AEA subtenas malfermatan elektan procedon?
**Ĉu la anoj de AEA ricevos balotpaperojn en la poŝto?**
**Neniu volas respondi? <u>rspring@tpg.com.au</u>**

# SEKRETOJ HELPAS NENIUJN?

Informu "Aŭstraliaj Esperantistoj"
kaj la novaĵletero informos 200 legantojn



La tasko de redaktoro ne ĉiam estas feliĉa/facila/sekura. Se vi trovas eraron, sendu leteron al mi kaj mi korektos en la venonta AE.

La AE ne montras nomojn se iu persono "petas" nin forigi sian nomon Ĉiam komplezeme Xxxxx.

## <u>La nuna Estraro de AEA</u>



### <u>GRUPO UNUA</u>

**Xxxxxx Xxxxx** | Prezidanto
**Xxxxxxx Xxxxx** | Financa **Direktoro**
**Laŭ nova statuto la estraro elektis Steve Pitney kiel la sekretarion de AEA**

## <u>Ĝisnunaj kandidatoj por la nova estraro 2012-2014</u>

### <u>GRUPO DUA</u>

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto | vidu AE50, 57 |
| Gordon Coleman | Edukado | vidu AE50, 51 54 55 57 59 |



| | | |
|---|---|---|
| Indrani Beharry-Lall | Financoj | vidu AE50, 57 |
| Kam Lee | Administrado | vidu AE50 |
| Heather Heldzingen | Servoj | vidu AE59 |

**INDIVIDUOJ NE EN GRUPO**

| | | |
|---|---|---|
| Margaret Chaldecott | promocio | viduAE61 |

## LEGU la post Tathra statuton kaj mem pensu pri problemoj de AEA (klaku) New_AEA_Constitution.pdf

Nur 24 el 170? membroj akceptis novan regularon de la Asocio??

---

Petu min rspring@tpg.com.au kaj mi plusendos la antaŭan statuton.

Please note that all nominees, nominators and members wishing to vote in this election must be current members as of 31 July 2012. informis **Kam Lee**

**Mi povas sendi aliĝilojn por membriĝi rspring@tpg.com.au**

**Ĉi voĉdono estas tre grava. Aliĝu al AEA antaŭ 31 julio 12**

## BALOTADA DEMANDO

Mi pensas ke mi ne havas la Tathra-an statuton; nek hejme nek en Edomo

Leginte pri tio, mi miras ĉu AEA fakte estas leĝa afero.




Pri la venonta balotado, hodiaŭ mi aŭdis la membron pri enmigrado (Bowen?) laŭ ABC. Li diris ke kvankam li sciis multon pri kasistaj aferoj, la Ĉefministro petis ke li agu pri enmigrado ("It is the hardest job in Cabinet")

Klare, li ne metis sin kiel ministron por enmigrado al la balotanoj; la decido venis de la ĉefministro.

Do, kial ni metas nomon sur la liston kiel ontan prezidanton; ontan kasiston; k.t.p.

Ĉu ne estas afero de la estraro decidi kiu faros kion?

Magaret Chaldecott **(Estas demando por la nuna Estraro** Roger**)**

# EL LA ESPERANTAJ RETFORUMOJ (Mi trovis la 24an de julio Roger.)

Re gravaj voĉdonadaj datoj Kam Klaku

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## LA FILMKONKURSO DE LA GERMANA ESPERANTO-ASOCIO

Kara Roger,

Mi sendas al vi 2 paĝojn pri la filmkonkurso de la Germana Esperanto-Asocio. Mi tradukis la tekston el la germana lingvo kaj post korektoj de Rainer Kurz la projekto nun estas preta por publikigo. Bonvolu meti tion en vian venontan eldonon de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'.

Saluton, Volo vidu paĝojn sube

deutscher esperanto-bund e.v.
germana esperanto-asocio r.a.
deb ga

ESPERANTO 125
1887-2012

## Konkurso pri mallonga filmo: 125 jaroj da Esperanto

La Germana Esperanto–Asocio okazigas konkurson por mallonga filmo kun premioj valore de 5000 EUR. Ĉiu povas partopreni. De komencanto ĝis absoluta profesiulo. La sola kriterio estas via kreativeco.

La prezento de la plej bonaj filmoj kaj la transdonado de la premioj okazos la 15an de Decembro en Berlino.

### Partoprenkondiĉoj

- Ĉiu filmo rajtas esti maksimume 5 minutojn longa.
- La rajto pri la muziko por publika prezento devas esti sekurigita.
- La personoj en la filmo permesis la uzon por publika prezento.
- La filmfaranto garantias per sia subskribo, ke li aŭ ŝi havas ĉiujn necesajn permesojn kaj rajtojn kaj ke neniuj rajtoj de triaj personoj estas malrespektataj.
- Post la konkurso la filmoj estos libere videblaj por ĉiuj sub la "Creative-Commons-Licence (CC-BY)".

### Kio gravas?

Montru al ni kion la lingvo Esperanto signifas al vi aŭ montru, kiel oni povas entuziasmigi la homojn por Esperanto. Ne gravas kiun lingvon vi uzas aŭ kiujn teknikaĵojn. Ne ekzistas limoj ĉe la interpretado.

### Kiu povas partopreni?

Ĉiuj! Ŝatokupaj reĝisoroj, filmŝatantoj, agentoj por medioj, studentoj kaj kreemaj homoj el la tuta mondo.

### Kio estas permesata?

Ĉio! De animitaj filmoj al dokumentaj filmoj ĝis al teatraj filmoj, ĉion ni volonte rigardos. La formato ne havas limojn, de la movebla telefono al filmkamero. Ĉiu lingvo de la mondo povas esti uzata.

### Kiel partopreni?

- Limdato estas 30a de Septembro 2012.
- Ĉiuj filmoj faritaj en 2012 estas akceptataj.
- Necesas sendi la filmon en kutima teknika formato (ekz. mov, mpeg, avi, DVD).
- Bonvolu ne sendi originalojn ĉar ni poste ne povos resendi ilin.
- Partopreno eblas nur per poŝtaĵo al:

**Kurzfilmwettbewerb - Germana Esperanto Asocio**
**Silberburgstraße 82**
**70176 Stuttgart**
**Germanio**

### Premioj

| | |
|---|---|
| - Plej bona filmo: | €2000 |
| - Plej bona loko: | €1000 |
| - Plej bona filmo en Esperanto: | €1000 |
| - Premio de la publiko: | €1000 |

La leĝa vojo estas esceptita. Se ne sufiĉe multaj filmetoj ensendiĝis, la Germana Esperanto-Asocio rezervas la rajton ne elpagi ĉiujn premiojn.

### Ĉu estas pluaj demandoj?

Skribu al kurzfilmwettbewerb@esperanto.de aŭ telefonu al Rainer Kurz +49-163-3873785. Por tradukoj al Esperanto aŭ la germana la Germana Esperanto-Asocio estas je via dispono.

### Mallongaj informoj pri Esperanto

Esperanto estis prezentata antaŭ 125 jaroj al la publiko la 26.07.1887 kiel lingvo-projekto. Ek de tiam tiom multaj homoj lernis ĝin kaj per la uzo pli evoluigis ĝin, ke Esperanto hodiaŭ fariĝis aŭtenta lingvo. Per tio unuafojo historie pruviĝis, ke lingvoj povas esti kreitaj.

La uzebleco de Esperanto estas pruvita en ĉiuj parolsituacioj, inkluzive la dulingva eduko kaj skribe en sciencaj kaj literaturaj verkoj. La Esperanto-aŭtoroj formas propran grupon en la mondvasta unuiĝo de verkistoj de la PEN-kluboj.

La allogo de Esperanto estas ĉefe ĝia facila lernebleco, kiu ankaŭ estas bona por neeŭropanoj. Esperanton parolantoj spertas komunan sennaciecan identecon kiel lingve egalrajtaj mondcivitanoj. Aparte de naciaj kaj internaciaj kongresoj kaj renkontiĝoj la plej multa komunikado okazas en la Interreto. Google kaj Facebook havas Esperanto versiojn, la Esperanto-Wikipedia ampleksas nun proksimume 165’000 artikolojn (loko 27 inter 285 lingvoj). Pli ol 100’000 homoj registriĝis ĉe la Esperanto-instruejo lernu.net.

Rimarko: Esperantistoj estas bonvenigaj traduki tiun dokumenton al aliaj lingvoj. - Salutas Rainer Kurz